I Jaro. XI Num. 1917 Novembro.—Madrido




ILUSTRITA REVUO MONATA
OFICIALA ORGANO DE «ZAMENHOFA KAJ ANDALUZIA FEDERACIOJ»



S-RO. VICTOR O. DE ALLENDE

Inĝeniero.—Prezidanto de Vaska Federacio

# La lastaj tagoj de D-ro Zamenhof

*Pere de nia Del. en Varsovio, S-ro Oberrotman, ni ricevis la jenajn interesajn notojn de D-ro Leono Zamenhof pri la lastaj tagoj de nia kara Majstro.*

La morto de D-ro Zamenhof alvenis subite sed ne tute neatendite. Lia kormalsano komencis disvolviĝi tuj post la eksplodo de la milito. La atakoj de l'brusta angino komence maloftaj, en la monato majo de la pasinta jaro fariĝis tiel oftaj, ke ili tute malebligis al li ne nur metiajn okupojn sed ankaŭ lian plej amatan laboron por Esperanto. Tiuj atakoj aperadis ofte, kelkfoje tage kaj nokte, kaj forpeladis de li kvietan dormon. La doloriga stato de lia sano influis tre malĝojige lian psikon. Ĉiam egalanima kaj kvieta la mortinto en la lasta tempo pro deviga senlaboremeco estis tre nervekscitita. De oktobro ĝis februaro D-ro Zamenhof sentis sin relative pli bone, kvankam la atakoj ne forlasis lin tute, aperante nur pli malofte kaj malpli dolorige.

En tiu ĉi pli hela intertempo de lia malsano, la mortinto regajnis esperon por nova laboro kaj revis pri la progreso de siaj ideoj post la milito... En tiu ĉi tempo turnis sin al li S-ino Hankel kun la propono eldoni grandan Esperantan vortaron. Esperante, ke li povos preni sur sin tiun ĉi grandan laboron, li kelkfoje korespondis pri tiu temo kun S-ino Hankel. La lasta letero, kiu estis elsendota al S-ino Hankel, restis nefinita inter la forlasitaj de li manuskriptoj.

D-ro Zamenhof jam dum la milito finis la tradukon de la Malnova Testamento, kies unua parto estas jam presita en Anglujo (1). Ĉiam alkutimigita al laboro, la mortinto ankaŭ dum la malsano en horoj liberaj de suferoj ame sin redonadis al siaj karaj pensoj pri Esperanto kaj ligitaj kun ĝi revoj pri homfrateco.

Lia edzino, kiu en la lasta tempo lin tute ne forlasadis, estante ĉiam apude de li, rakontas, ke ofte dum nokto, ne povante dormi, li faris diligente iajn notojn; kiam ŝi petis lin ne malkvietigi lian noktan ripozon, li respondis, ke bonajn pensojn oni devas tuj noti, ĉar ili facile povas estis forgesitaj la sekvantan tagon!

Ŝajne, la malboniĝon de lia sanstato kaŭzis la neatendita ekscio pri la morto de lia frato D-ro Aleksandro, kiun li tre amis, kaj kiu mortis en Rusujo la pasintan jaron, estante milita kuracisto en Rusujo. En la lastaj dek tagoj la malsano de nia Majstro akre malboniĝis. La koro, laciĝita pro konstantaj atakoj, ne povis jam plenumi normale sian funkcion; komencis aperadi la signoj de kora malforteco. Tiuj lastaj tagoj estis vera turmento por la mortinto. La lito, kiun li en la lasta tempo forlasadis tre malofte, kaj kiu kvietigis liajn fizikajn turmentojn, fariĝis por li fonto de novaj doloroj. La stato de malfortigita koro malebligis al li restadon en kuŝa pozicio. La vido de lito estis por li de tiu tempo turmentoj de Tantalo!... Sed baldaŭ la sida pozicio fariĝis por li ankaŭ suferiga! En tiuj turmentoj dum la lastaj kelkaj tagoj la dormo aŭ iu ajn ripozo estis por li tute neebla.

Malgraŭ tiuj grandaj fizikaj kaj psikaj doloroj, mi neniam aŭdis de li ian plendon. Nur unu fojon li esprimis deziron, ke se la morto estas jam por li neevitebla, ĝi venu almenaŭ sen grandaj turmentoj... Videble li supozis, ke lin atendas ankoraŭ pli grandaj suferoj. La 14 Aprilo la stato de D-ro Zamenhof rapide pliboniĝis; la koro komencis labori pli forte kaj malaperis la signoj de ĝia akra nesufiĉeco.

La kuracistoj havis esperon, ke venos pliboniĝo. Tiel pensis ankaŭ la mortinto. La lastan tagon, malgraŭ granda senfortiĝo, D-ro Zamenhof estis en tre bona humoro. Li eĉ rakontis al la ĉirkaŭantaro siajn anekdotajn sonĝojn kaj faris al si esperon, ke post longa interrompo li povos la alvenantan nokton pasigi oportune en sia lito... Je la 5-a horo vizitis lin lia konstanta kuracisto kaj amiko, D-ro K., kaj konstatis ĉe li efektivan pliboniĝon. Post duonhora amika interparolo, sentante sin iom laca, mia frato

(1) Ankoraŭ ne. —(Red., B. E.).

petis la permeson de D-ro K., iom ripozi sur divano.— Ĝi estis lia lasta memvola movo! Kiam la edzino alproksimiĝis por prepari al li oportunan kuŝejon, ŝi trovis jam sian edzon malviva!

La morto alvenis subite kaj kiel deziris la mortinto, sen turmentoj. Li foriris el tiu ĉi mondo inter plej bonaj pensoj. tute ne sentante, ke li forlasas ĝin por eterne!

La 16 Aprilo je la 3-a horo p. t. m. plenumiĝis la funebra ceremonio. Lian modestan vivon finis ankaŭ modesta enterigo!

La tempo de milito ne permesis fari tion, kion meritis la mortinto. Ĉe la tombo adiaŭis lin plej proksimaj amikoj kaj samideanoj. Leo Belmont en kortuŝanta belega parolado montris al multenombra ĉirkaŭantaro la signifon de lia verko por la homaro. Sinjoro Grabowski en Esperanta parolado adiaŭis lin la lastan fojon, rememorigante, ke inter li kaj la mortinto la unuan fojon eksonis buŝe Esperanta lingvo antaŭ kelkdeko da jaroj.

En la nomo de germanaj Esperantistoj adiaŭis la Majstron S-ro Majoro Neubarth, Varsovia Havena Komandanto. Sur la tombon estis metitaj floroj je la nomo de polaj Esperantistoj, de redakcio *Pola Esperantisto*, de germanaj Esperantistoj kaj de liaj proksimaj amikoj kaj parencoj. La polaj Esperantistoj por honorigi la memoron de D-ro L. L. Zamenhof decidis proponi al la tutmonda Esperantistaro fari la proksiman Kongreson en Varsovio, kaj ligi ĝin kun starigo de lia monumento en Varsovio.

———

∴ *Esperanto* dankas ĉiujn personojn, kiuj sendis al ĝi gazetojn kun nekrologia artikolo pri D-ro Zamenhof. Sed la kolekto estas ankoraŭ tre nekompleta, kaj ĝi ree alvokas je la kunlaborado de la legantoj, por ke ili bonvolu helpi je ĝia kompletigo, alsendante la artikolojn en la gazetoj de sia regiono.

El «Esperanto» de U. E. A.





# D-ro Emilio Boirac

La 21-an de Septembro, subite mortis, en Salts (Suda Francujo), S-ro Emilio Boirac, Rektoro de la Universitato de Dijon. Li esperantiĝis en la jaro 1900, kaj de tiam li estis unu el plej entuziasmaj kaj nelacigeblaj pioniroj de nia kara lingvo en Francujo, kaj tial kaj pro sia talento kaj spertado, baldaŭ li fariĝis la unua Prezidanto de la Lingva Komitato kaj Akademio de Esperanto.

Je la 26 de Aŭgusto, 1851, en Guelma (Constantine), li naskiĝis, kaj en Bourdeaux studis beletristikon kaj filozofion. Profesoro en la Universitato de Dijon, li energie propagandadis Esperanton ĉe sia urbo same inter la urbanoj, kiel inter siaj kolegoj universitataj.

Je 1905, la Unuan Universalan Kongreson, en Bologne, li prezidis, kaj oni elektis lin Prezidanto de la Lingva Komitato ĵus fondita. Li faris por Esperanto grandegan laboron, efikegan laboron, kiun neniam oni povos forgesi. Li estis, dum sia esperanta vivo, la nelacigebla ligilo inter tutmondaj esperantaj spertuloj kaj dank' al lia takto, sperteco kaj vigleco, nia karega Majstro havis altvaloran helpanton.

La verkaro de S-ro Boirac estas tre grava: «Don Juan» de Moliére, «Monodologio» de Leibniz, «Perdita kaj Retrovita», «Homa Radiado», «La Kvara Mago el angla lingvo de Henry Van Dyke», kaj super ĉio la «Plena Vortaro Esperanto-Esperanta Franca», vera monumento.

Rapide ni perdis kun la Majstro, S-rojn Bourlet, Mudie kaj Boirac, sed ni kuraĝiĝu kaj senĉese kaj senlace daŭrigu ilian laboradon, ni tiel honoru ilin ĝis la fina venko de nia kara lingvo.

HISPANA-ESPERANTISTO, je la nomo de la hispana esperantistaro, sendas sian tutkoran kondolencon al F-ino Boirac kaj al Francaj samideanoj.

# Lazaro Ludoviko Zamenhof

HIMNO DE DANKO.--Komponita kaj verkita de HARRISON HILL





Majstro, ne mortis vi,
Nur velkis korpo via;
Venis l'anim' el Di,
Kaj ĝi restadas nia,
Ni fidu do al Li,
La Forto vera, dia.

Dio inspiris vin
Per saĝo pacienca,
Li do inspiru nin
Per Sia fort' potenca,
Por ke ni sekvu vin
Al vero la esenca.



Ĉio ja, kion vi
Pro beno al homaro
Zorge elpensis: ĝi,
Kun ĉiu ajn bonfaro,
Postvivas vin en ni,
La via kolegaro.

Nun dankos Dion ni
El plej profunda koro,
Ho! kara Majstro vi,
Pro via vivlaboro;
Ĝis en Ciono ni
Revidos vin en gloro.

LA MARTIROJ DE LA CIVILIZACIO

# PLENDOJ DE ĈEVALO

Kiel feliĉaj ni estis en tiu tempo kiam oni nomis nin sovaĝuloj! Ho! tio estis vivo!... Kurante sur la montoj kaj ebenaĵoj, akompanataj de niaj inoj, supersaltante kaj farante kapraĵojn, aŭ dorlotitaj en amaj paroladetoj, sub la ombro de la branĉplena arbaro, apud fonto de diafana akvo!...

Sed, malfeliĉe ĉio finiĝas en tiu ĉi mondo. Alvenis la homoj kaj komencis kapti kaj fari nin iliaj sklavoj, estante ni devigataj transporti ilin sur nia lumbo. Poste jam ne estis konformaj je niaj servoj, kaj elpensis la veturilojn, kiujn ni devas treni kun ĝia ŝarĝo.

Ho, la mortintaj tempoj!

Hodiaŭ, humilaj kaj kapsubaj, suferante ĉiajn turmentojn sen la plej malgranda protesto, ni laboras preskaŭ la dudek-kvar horojn de la tago, trenante veturilojn kaj maŝinaron, ne sciante kien ni iras... Eĉ kondamnis nin al blindeco, kovrante niajn okulojn per ledpeco...

Kaj kiam la morto venas post multjara laborado kaj suferado, estas morto ne natura, ĉar ni, malfeliĉaj ĉevaloj, kiam estas senutilaj por la servoj de la homoj, oni ĵetas nin en tauroplacon, por ke korna vundo nin sendu en alian mondon...

Ho, ĉarma kaj perdita Edeno el la branĉplena arbaro! Civilizacio, malbenata estu!...

*L. Gastañaga*

El «Argentina Esperantisto».

---

# NIA PLANEDO TRANKVILIĜAS; HOMARO TRANKVILIĜOS

Peco de nia suno estas nia planedo; brulanta peco, komence.

Poste iom post iom ĝi malvarmiĝis, sed teruraj fortoj interbatalis en ĝia internaĵo, en ĝia supraĵo kaj en ĝia atmosfero. Neimageblaj ventegoj, fulmotondraroj kaj pluvegoj senĉese tremigis ĝian aeron, kaj fajraj senĉesaj puŝadoj fortege tremigis ĝian kruston. Ŝtonegoj, teroj eliĝis el la maroj; la krusto plidikiĝis, la vulkanoj malgrandigis la internajn fajrajn fortojn. Fine la vivo povis aperi kaj prosperi en la Tero. Certe ankoraŭ estas ventegoj kaj fulmotondraroj kaj pluvegoj kaj superakvoj; ankoraŭ la vulkanoj montras la internan premadon... tamen tiaj fenomenoj estas multege malpli grandaj ol antaŭe. Nun pli kaj pli nia planedo trankviliĝas; la vivo pli kaj pli regas... kaj la vivo povas regi ĉar ekzistas la Amo.

La homo ankaŭ ĉiam batalis; ja, kontraŭ la fizikaj fortoj, kontraŭ la ceteraj vivantaj estaĵoj kaj kontraŭ aliaj homoj. Tralegu la Historion, kaj ĝi rakontos al vi militojn kaj parolos al vi pri bataloj. Vere la homo estas batalema; kiam li ne batalas kontraŭ alilandanoj, li batalas kontraŭ samlandanoj kiuj apartenas al malsamaj politikaj partioj, kaj ne malofte kontraŭ siaj amikoj, kaj kelke foje kontraŭ si mem, ĉar iam li frapas sin mem, li fortiras siajn harojn kaj ungogratas sian vizaĝon, kaj eĉ sin mem mortigas. Ĉiam batalo, ĉiam detruo, ĉiam sangverŝado. Ambicio kaj egoismo ankoraŭ regas kaj ili puŝas la homojn kontraŭ la homoj.

Tamen la Historio ŝanĝos; malpliiĝos la malamo dum la amikeco pliiĝos; Homaro dolĉiĝos. Iom post iom ĉiuj homoj fariĝos fratoj kaj tiam la Paco regos... kaj ĝi povos regi ĉar estos Amo.

Tiam la planedo estos trankvila, kaj trankvila estos Homaro.

*Rafael de San Millán*

---

# La nervoj de Pimpel

—Mia kara—diris sinjorino Pimpel unu vesperon al sia edzo, kiam li ĵus estis reveninta hejmen -, ĉu vi ne povus unufoje, nur unufoje prepari morgaŭ vian matenmanĝon vi mem?

—Kio do okazis?

—Mi ricevis sciigon, ke la onklino en B. sufiĉe grave malsaniĝis kaj mi devas tuj veturi tien kaj sendube mi devos ankaŭ pasigi

tie la nokton—en tia okazo, vi scias—kaj krome ĝi estas la onklino! Morgaŭ matene mi revenos tiel frue, kiel eble.

—Memkompreneble vi tuj iros tien—respondis sinjoro Pimpel; ĉar li estis, kiel jam estis dirite, homo ĉiurilate bonkaraktera kaj krom tio post la onklino estis atendebla heredaĵo.

—Mi faras al mi nur iajn zorgojn—ŝi rekomencis—, ĉu vi sukcesos prepari la matenmanĝon...

—Prepari la matenmanĝon? Ĉu vi supozas, ke homo kiel mi...

—Jes edzo, tion mi supozas...

—Kiel, ĉu prepari tian kafaĉon estu nomata artaĵo?

—Ne, edzo, tio ne estas artaĵo, sed prepari bonan kafon, komprenu, kaj antaŭe oni devas povoscii ekbruligi la fajron.

—Ĉu vi opinias, ke...?

—Do, daŭrigis sinjorino Pimpel, se vi volas ekbruligi la fajron, tiam vi devas...

—Nun jam sufiĉe da tio—ekkriis Pimpel—; se vi opinias, ke vi lasas ĉi tie orfon, kiu brog-aŭ brulvundiĝos ĉe la preparado de kafo aŭ la domon cindrigos, tiam prefere restu ĉi-tie kaj vartu, kaj lasu la onklinon al ŝia sorto.

—Edzo, tio estas ja brutala, per tio vi preskaŭ min devigas resti ĉi tie.

—Ne, vi iros!—kriis Pimpel—ĝi estas via devo.

Logika, ĝi ne estis de sinjoro Pimpel, sed kial devis lia edzino meti lin en situacion, en kiu ĉiu logiko estas ĉe li enterigata.

Nu, sinjorino Pimpel estis veturinta tiun ĉi vesperon al sia onklino, ne preterlasinte la momenton por doni instrukciojn al sia edzo rilate la laktisto, la bakisto kaj unu el la nesto elprenotan ovon, kiun tiu aŭ alia kokino ĉiu matene kutimis demetadi por la matenmanĝo de sinjoro Pimpel. Poste ŝi diris ankoraŭ (kion prefere ŝi ne estus devinta fari): Morgaŭ, feliĉokaze, estos dimanĉo, kaj se la afero rezultos kun fiasko, do ĉiel mi revenos ĝustatempe por ĉion rebonigi.

Poste ŝi eliris kaj li vokis post ŝi, ekscitita per la lasta rimarko: Restu tie ĝis postmorgaŭ por mi egale, se unu plenan semajnon—ni vidos, ĉu ni ne sukcesos sen tia virino!

Ĉi tiun kuraĝan sentencon provis la sekvantan matenon sinjoro Pimpel enkorpigi en fakton. La konscio pri la neforigebla devo frutempe lin vekis. Krome kunefikis ankaŭ tio, ke la okjara Marketo pro sia infanaĝo ne povis esti konsiderata kiel virina helpoforto. Oni devas lasi ankaŭ la infanojn en dimanĉo sate dormi. Tuj kiam sinjoro Pimpel estis apenaŭ laŭbezone vestita, jam sin anoncis ĉe la ĝardenpordeto la laktisto:

—Mi jam venas—vokis la patro el la pordo, kuris poste en la kuirejon kaj ĉirkaŭrigardis senkonsile. —Kie estas la laktokruĉo?—li murmuris—kiu povas orientiĝi en la potaĉaro.

—Io ajn laktokruĉo simila estis malkovrita kaj sinjoro Pimpel galopis al la pordeto.

En tiun ĝi ne eniros malgraŭ ĉia klopodo—diris la laktisto—estas du litroj.

Devis do la vir-mastrino reveni kun la kruĉo plenigita ĝis la rando, por alporti alian vazon. Sed tiom malpli sukcesis sinjoro Pimpel trovi la ĝustan laktokruĉon aŭ ion alian celkonforman. Post kiam li estis deŝirinta kune kun la najloj diversajn kuirobjektojn kaj kiam li estis dismetinta ilin, li malfermis la bufedon kaj decidiĝis por la porcelana supujo.

Li elprenis ĝin tiel atentoplene, kiel tion permesis ĝia minacanta stato, kaj oni devas trovi rimarkinda, ke li ĉe tio ne pli ol du tasojn kune elŝovis kaj frakasis. —Nu jes—, opiniis bonkore la laktisto, kiam sinjoro Pimpel estis subtenanta la supujon: «oni vidas jam, kiu hodiaŭ mankas» tiom granda ĝi ne bezonis esti.

Pimpel ridetis per kaŝita grimaco kaj reportis sian supujon. Sed ĝuste kiam li estis volinta enpaŝi en la domon, li ekaŭdis la penetrantan klukadon de kokino. Li haltis kaj metis la supujon sur la terason: —La besto demetis—li murmuris—ni prefere tuj kunprenu la ovon.

Kiam sinjoro Pimpel revenis kun la jus demetita ovo, li ekvidis ion, kio lin ŝanĝis

por momento je salstatuo; la kato profundiĝis en la supujon kaj estis jam malaperinta en ĝi per la antaŭa korpoduono.

Nur unu ideo lin tiam okupis: Venĝo, Repago. Li kliniĝis por levi ŝtonon. Unu momenton li ankoraŭ hezitis, ĉar antaŭ liaj okuloj ĉio turniĝis, poste li ĵetegis sian pafaĵon, kiu, je distanco de kelke da metroj for de la celo, sur la teraskolono krevis. Gi krevis, kiel nur kutime krevas ovo, se oni faras per ĝi pafekzercon anstataŭ per ŝtono tenata en la maldekstra mano. Tuj kiam sinjoro Pimpel rimarkis sian eraron, kun laŭta malbeno flugis la ĝusta ŝtono sur la katon, kiu, terurigita, sin estis elŝovanta el la supujo; la ŝtono tuŝetis la forkuranton kaj faris finon al ĉiu plua uzebleco de la supujo, kiun ĝi dispecigis.

La efikon de tiuj rapide sekvintaj okazaĵoj je sinjoro Pimpel oni povas al si prezenti. Kaj krome, tio estis nur antaŭpreparoj por la matenmanĝo. Estis nun la afero pri la ekbruligo de la fajro. Lia edzino, prudente antaŭsciinte la venontajn malfacilaĵojn, uzopreparis jam maldikajn kenojn. Nur la paperon vane serĉis sinjoro Pimpel. Se la matena ĵurnalo estus jam ĉi tie. Sed ĝi ne estas ankoraŭ aperinta. Li vagis do tra la apartamento, ĝis li falis sur la kajerojn de la infano. Antaŭ duonhoro li eble estus antaŭ tio timrepuŝita, uzi unu el ili kiel brulmaterialon, sed nun li jam troviĝis sur glitvojo kondukanta al nervoatako, kaj ne estis neebla, ke li peku per romano de sia edzino, uzante la unuan ĉapitron por prepari kafon.

Amaso da folioj el la lerneja kajero enpuŝitaj en la fornon, iom da ligno surmetita, la papero ekbruligita, la poto kun akvo suprenlokita—tio vekis en Pimpel la esperon, ke jam pasis la plej malfacila tasko.

Sed nun la fajro estingiĝis. Ĝi ankaŭ ne volis reviviĝi, kiam li ŝprucigis sur ĝin el vinagra botelo, opiniante, ke li tenas petrolan. Pika odoro atentigis lin je lia eraro, kaj la sekvo estis el rastado de la vinagromalsekaj ligno kaj papero el fajrujo kion li faris per manoj tremantaj kaj kun terura malbenado.

Intertempe gutfluis al sinjoro Pimpel la ŝvito de la frunto, por kies forigo li transformigis per la fulgomakulitaj manoj sian vizaĝon je negrofizionomio, sen kio cetere lia aspekto fariĝis jam ankaŭ malsimpatia.

Aliaj kajerfolioj —alia ligno. —Kaj kie—, murmuris Pimpel, returninte la tutan inventaron, ĉion blankan farinte nigra, kaj de la rompebla la plej rompeblan detruinte—kie estas la malbeninda diabla botelo kun petrolo?

Fine ĝi estis trovita, sed malplena.

—Jen nenio helpas—li ekĝemis—mi devas veki Marketon, por ke ŝi iru aĉeti petrolon.

Neniam estis Pimpel pli proksima al la ebleco mortigi la propran filinon per ektimigo ol nun, kiam li estis staranta antaŭ la lito de la vekita, similante kun la malplena botelo al fulgonigrigita timigilo. Sed Marketo, havante la karakteron de la patrino, malatentis tion, vestiĝis rapide kaj kuris por la petrolo. Kiam ŝi estis revenanta, estis ĉi tie jam ankaŭ la bakisto kaj kune portis la patro kaj la filino petrolon kun bulkoj en la kuirejon, kie Marketo, kiel estonta mastrino, ĉe la ekvido de la malordo kaj ruinigo, pro teruriĝo ekkriis. Kaj kiam ŝi rimarkis la kovrilon de sia kajero por lecionoj kun kelke da restintaj folioj, aŭdis sinjoro Pimpel de sia filino ion, kio lin memorigis je la patrino, kun la sola diferenco, ke Marketo akompanis sian vorton per ploro; tion la patrino principe ne kutimis fari. Sed la malĝojo de Marketo estis forgesita, pro la enhavo de kruĉeto kun forrompita anso, en kiu troviĝis blueta fluidaĵo.

—Kio estas en ĉi tiu kruĉeto, patro?—ŝi demandis, sekigante larmojn.

—Nu, ĉu vi sonĝas ankoraŭ, ke vi ne rekonas lakton?—li murmuris, fine sukcesinte veki la flamojn per helpo de la petrolo.

—Sed patro, ĝi estas ja blua!

—Kion vi diras? Blua?—ekkriis la patro alsaltinte.



MONAĤEJO «SANTA TERESA» (AVILA)

—Paĉjo—vokis Marketo, kunfrapante la manojn—, en la kruĉo havas la patrino ankoraŭ iom da bluigilo kaj vi lasis enverŝi lakton sur ĝin. Kaj la cetera lakto estas elverŝita kaj la supujo disbatita kaj krom tio ĉio alia— kaj entute kiel ĝi aspektas tie ĉi —paĉjo, kion diros la patrino, kiam ŝi revenos?

—Silentu nun, —diris Pimpel kolerplena, revekiĝante el rigideco, en kiu lasis lin la lasta plago —, aĉetu nun ie ajn botelon da lakto. Kaj, atendu, kie estas la kafo; kaj kiom kutime prenas la patrino?

—Tian plenmanon—diris Marketo, forirante kun la vera laktokruĉo.

Kaj Pimpel rekomencis sian laboron kaj estis preparanta kun plenmano, kun petrolmalseka plenmano, la matenmanĝan kafon.

Estu fremda al mi, eĉ nur la provo, raporti pri la humoro de sinjorino Pimpel, kiam ŝi en tiu ĉi momento, nevidita kaj neaŭdita, reaperis post la dorso de sia edzo, estinte jam preterpasinta la frakasitan supujon, la laktolageton kaj la ovomakulon sur la teraskolono, kaj kiam ŝi troviĝis nun en la centro de la ruiniga agemo de sia edzo. Ne, li tute ne estis ŝia edzo, li estis anime senbalanca kamentubisto. Tial ŝparis sinjorino Pimpel ian pli longan predikon kaj sin apoginte je rando de la tablo, ŝi diris al edzo (kapabla sole esprimi: «Fine, ke vi venas») la konsilon: Faru al mi la plezuron, edzo, lavu vin kaj kuŝigu vin ankoraŭ unufoje; post unu horo mi vokos vin al matenmanĝo.

—La matenmanĝo estas preta! — li respondis kun kolerplena rigardo. —Jen venas ankaŭ Marketo kun la lakto.

Sinjorino Pimpel prenis unu post alia la bulkojn, kiuj kuŝis sur la tablo, kaj flaris ilin. Ŝi levis ankaŭ la kovrilon de la kafokruĉo kaj flaris internen: —Mi persistas je tio, —ŝi diris malvarme—, remetu vin en la liton, ĝis kiam mi estos preparinta la matenmanĝon. Petrolan panon mi ne manĝas kaj ankaŭ ne petrolan kafon.

Sinjoro Pimpel konvinkiĝis per vitreca rigardo kaj per sia nazo, ke tio estas prava. Poste li malaperis senbrue de sur la bildosurfaco.

Cetere, —ŝi vokis post li —, kun la onklino ĝi ne estis tiom grava, ŝi releviĝis jam hodiaŭ matene.

Sinjoro Pimpel murmuris ĉe sia retiriĝo ion nekompreneblan. Estis ankaŭ pli bone, ke ŝi ne komprenis, ĉar tio sonis simile al —kaj tio mankis ankoraŭ.

Trad. *Gaertner* (Lernanto).

---

# KRONIKO

*Madrid.*—Oni ekklarigis novajn kursojn esperantajn ĉe la *Ateneo*, *Fomento de las Artes*, Komerca Lernejo kaj Institucio de la Amikoj de la Instruado.

*Logroño.*—Ĉi tiea grupo progresas kaj oni malfermis novan kurson.

*Baltanás.*—Oni malfermis novan kurson kaj ĉi tiea grupo iras antaŭen.

*Santander.*—Ĉi tieaj esperantistoj entuziasme laboras por progresigi la grupon kaj tial oni malfermis novan kurson.

*Sevilla.*—La duan de Oktobro nia amiko T. Soriano malfermis kurson Esperantan en la Ekonomia Societo de Amikoj de la Lando, ĉiutagan kurson, kaj la dekvinan, nia nova pioniro, Kapitano Andres Castro Alonso malfermis alian kurson en la Praktika Lernejo de la Normala Instituto pri naciaj majstroj, kun multaj lernantoj.

Malfacilaĵoj ne antaŭvideblaj malebligos ke la venonta Regiona Kongreso efektiviĝu en Kadizo, kredeble ĝi okazos en Kordobo; sed ankoraŭ oni ne povas certigi tion. Ĝusta tempe la Andaluzia komitato sciigos la lokon kaj tagon de tiu solenaĵo.

*Córdoba.*—Gravan kurson malfermis S-ro Serrano Olmo ĉe la Societo de la Komercoficistoj, dudek el ĉi tiuj entuziasme lernas nian karan lingvon.

*Bujalance.*—Amika rondo, kiu admiras Esperanton, ĉi tiun lingvon lernas, ĉar S-ro R.



ĈEFA PORDO DE LA PREĜEJO «SAN VICENTE» (AVILA)

Toro, sperta telegrafisto kulturema, klarigas la kurson, kaj baldaŭ li fondos grupon.

*Montoro.*—Same okazas en Montoro. Ĉi tiei blindulo, S-ro J. Canales lernis Esperanton aŭskultinte lecionojn klarigitajn ĉe amika rondo, kaj nun li klarigas kurson al kelkaj lernantoj, kiuj entuziasme lernas. Ankaŭ li certe baldaŭ fondos grupon.

*Barcelona.*—La Grupo «Nova Sento» okazigis belan feston la 19-an de Septembro. S-ro Claramunt legis kelkajn poeziojn de nia kara Majstro kaj lian biografion S-ro Canales. La plej grava solenaĵo estis malkovr, portreton de nia kara Majstro, desegnita de nia prezidanto S-ro Canales. Plenkontente oni fermis la feston.

*Vendrell.*—Dum lasta ĝenerala kunsido ĉe la grupo «Frateco», oni elektis la jenan komitaton: S-ro Carlos Soler, Prezidanto; S-ro Salvador Urpi, Sekretario; S-ro Ramón Bassa, Kasisto; S-ro Amadeu Esvertit, Bibliotekisto; F-inoj Fermina Romeu kaj Francisca Calaf, Voĉdonantinoj.

La kursoj estas klarigataj:

Por fraŭlinoj, de F-ino Maria Julivert; por junuloj, de S-ro S. Urpi, kaj por infanoj de S-ro R. Bassa.

Praktikaj klasoj okazas tri foje ĉiusemajne.

Pere la lokaj gazetoj oni aktivigas propagandon pri Esperanto.

## EŬROPO

### Britlando:

*Beckenham.*—S-ro Murray Heslop, prezidanto de «Frataro de Beckenham» parolis antaŭ tiu frataro la 6-an de Majo, pri «la Savo de la estonteco». S-ro H. Hill kantis tiam la «Himnon de Danko».

*Bristol.*—La kurso pri Esperanto organizita de la «*Worker's Educational Association*» plene sukcesis. 10 lernantoj prezentiĝis por la ekzameno el kiuj naŭ sukcesis tre bone. Nun okazas babiladoj inter la lernantoj kaj la profesoro, kio estas bona propagando antaŭ la neesperantistoj.

*Burnley.*—Dum kunveno de la Komerca ĉambro ĉi tiea, S-ino Currie prezentis proponon por ke Esperanto estu enkondukita en la komerclernejojn, kaj ke ĝi fariĝu poste komerca bazo inter la *Alliés*. 8 delegitoj de la kunveno parolis favore al tiu propono kaj, du parolis kontraŭ ĝi. Fine por la voĉdono 4 voĉoj estis kontraŭ kaj 6 por la propono. Gratulojn al la proponinto. Unu membro el tiu grupo renkontinte en Francujo leŭtenanton Esperantiston, parolis kun li kaj tial interesis siajn kamaradojn, ke li povis starigi kurson.

*Eccles.*—En Aprilo oni sendis cirkuleron al la elementaj lernejoj en la urbo informante ilin ke fondiĝos Junula sekcio de la Esperantista Societo en *Eccles*, kaj invitante ilin partopreni. Je la unua kunveno partoprenis 70 geinfanoj, 10 aliaj venis poste. Supera kurso okazas gvidata de F-inoj Derbishire kaj Hoog. Alia elementa kurso estas fondita. Gi estas gvidata de Rev. R. H. Morgan, la plej nova varbito en la loko.

*Edinburgh.*—Grava Diservo je la memoro de nia Majstro okazis en tiu ĉi urbo. S-ro Page legis leteron de ne ĉeestanta Samideano J. M. Warden. Multnombra ĉeestantaro partoprenis.

*Grimsby.* Fondiĝis ĉi tie Esperanta Grupo, kiu aliĝis tuj al la nacia societo.

*Horwich.*—La 2-an de Junio okazis parolado pri Esperanto ĉe la *St Catherine's Schools*. S-ro C. J. L. M. Parkinson, el *Eccles*, Reĝa Inspektoro de Lernejoj, parolis pri «Esperanto kiel helpa lingvo». La vortoj estis tre trafaj, kaj la ĉeestantaro multnombra kaj bone elektita. Speciale interesa estis lia rakonto pri la instruo de Esperanto al la infano en *Eccles*. Kiel rezulto, kelkaj personoj, sciigis la organizinton, Pastro Fearnley pri sia intenco lerni Esperanton.

*Huddersfield.*—Okazis solena Diservo je la memoro de D-ro Zamenhof. La Urbestro, prezidanto de la grupo loka sendis leteron tre koran kaj interesan pri Zamenhof kaj lia tutviva verko. La Pastro parolis ankaŭ kun granda simpatio pri la homama malaperinto, kaj esprimis la deziron ke venos mult-

aj novaj geesperantistoj por kompensi la mortigitajn de la milito, kaj fine sukcesigi tiun bonan laboron de D-ro Zamenhof.

*Liverpool.*—La grupo organizis kunvenon je la memoro de D-ro Zamenhof. Dum la kunveno estis sendataj kondolencesprimojn al la vidvino kaj familio de nia Majstro. S-ro Applebaum faris tre trafan paroladeton je tiu okazo.

*Newbury.*—Dum kunveno de la *Independent Labour Party* S-ro P. J. Cameron proponis ke la delegitoj studu Esperanton atendante la venontan internacian kongreson. Tiu propono estis unuanime akceptita, kaj estis decidite starigi tuj esperantan kurson.

*Southend on Sea.*—La sama faris ankaŭ paroladon ĉe la I. L. P.

*Thatcham.*—Nova kurso pri Esperanto estas malfermita.

*Londono.*—Fondiĝis komitato kies celo estas alcentrigi la dokumentojn propagandajn. Tiu Komitato estas sekcio de la B. E A., kaj S-ro C. E. Boardman, faras por ĝi gravan alvokon al la Britaj geesperantistoj por ke ili helpu. La laboro estas tre bone partigita, kaj ĉiu povas kunlabori. Ni deziras sukceson al nia Britaj gesamideanoj.

*York.*—La grupo kunvenis pro la morto de D-ro Zamenhof, kaj sendis kondolencleteron al S-ino Zamenhof. Du novaj kursoj fondiĝis en la regiono. S-ino Adamson enkondukis Esperanton en sian lernejon, kie ŝi instruas ĝin al la plej aĝaj infanoj. Ŝi komencis alian kurson al la geinfanoj kiuj samon petis. Jam 29 aliĝis al la kurso.

**Franclando:**

*Angers.*—La kursoj finiĝis kaj la lernantoj estas ekzamenitaj: Inter la ekzamenitoj pri Kapableco troviĝas unu instruisto. Ni ekscias, ke 12-14 lernantoj de S-ro Muffang ĉe la Liceo eklernis la lingvon tute solaj, kaj jam korespondas kun eksterlandanoj, precipe kun gelernantoj el *Eccles*.

*Beauvais.*—S-ro Demarcy daŭrigas la rilatojn kun siaj disigitaj gelernantoj kaj incitas ilin al korespondo kun eksterlandanoj. Jam multaj korespondas tiel.

*Lyon.*—La laborista grupo organizis kurson, kiun ĉeestas 30 personoj. 10 lernas por korespondo. La socialistoj lokaj voĉdonis proponon pri Esperanto, prezentota al la Internacia kunsido en *Stockholm*. La sama grupo de Esperantaj laboristoj iniciatis petskribon al la rusa popolo pri alpreno de Esperanto kiel Internacia helpa lingvo.

*Paris.*—La grupo ĉiam kunvenas kaj ofte estas vizitata de eksterlandaj aŭ eksterurbaj samideanoj. La kunvenoj okazas kaj ankoraŭ dum la monato Septembro, se la vetero ebligos tion, en la ĝardeneto de S-ino Langlet. La unuan dimanĉon de Septembro okazis diskuto pri reorganizo de kursoj dum vintro. La 1-an dimanĉon de Oktobro: Memoriga kunveno je la honoro de nia mortinta Majstro.—La 1-an dimanĉon de Novembro: parolado de S-ro Grosjean Maupin: *Ĉu oni povas senpere pensi en Esperanto.*

*St-Omer.*—La kurso finiĝis per disdono de 20 atestoj pri lernado. La lernantoj korespondas kun geesperantistoj el diversaj landoj.

*El la tranĉeoj.*—Pluraj novaj samideanoj konigis sin al ni petante korespondantojn. Ni disdonis al ili nomojn el diversaj mondpartoj. Sur la Belga fronto niaj samideanoj ankaŭ bone laboras. Same sur la Brita fronto en Franclando. Post artikolo de samideano Viollette en la *Daily Mail* ni ricevis petojn pri dokumentoj de Kanadanoj, Zelandanoj Aŭstralianoj, kaj Sud-Afrikanoj. Ni jam ricevis de Kanadano letereton en Esperanton. Per tiu letero li petis propagandilojn por rusa amiko! Gratulon al la nova varbisto!

*Rusa fronto en Franclando.*—Kelkaj soldatoj lernas Esperanton. Unu jam skribas al ni en nia lingvo, kiun li skribas pli korekte ol sian propran!—Belga lernanto skribas al ni: «Mi estas eksmaristo. Mi parolas plurajn lingvojn! Mi memoras ke iam sur ŝipo belga, ni troviĝis triope kun belga-flandrano, Belga Walono, kaj mi. Miaj du kamaradoj devis uzi la anglan lingvon por kompreni sin reciproke. Ĉu Belgolando ne devus speciale favori Esperanton?». (Jes certe, ĝi postulas

malpli da tempo por lerno ol la angla aŭ flandra!). El *Orienta fronto*, ni ricevas bonajn informojn pri la movado. Ni havis la plezuron akcepti kiel vizitantojn niajn samideanojn Raulin kaj Pain reirantaj al Saloniko.—Oni anoncas al ni la viziton de du samideanoj: Portugala oficiro, kaj Amerika flegisto.

**Italiando:**

Ni estas informitaj, ke la Itala Federacio Esperantista havos baldaŭ 400 anojn, kio montras, ke ĝi disvolviĝas rapide. La funkcianta sekretario estas nun: Cadario Cesare, Casella postale 922, Genova. Fondiĝis grupo en *Melfi*. Oni instruas Esperanton al la Skoltoj en *Bologna*. Nia samideano A. Tellini ĉiam energie propagandas kaj eldonas sian gazeton *L'Esperanto*, kiun li dissendos eksterlanden nur post la milito.

**Norveglando:**

*Kristiania.*—La 30-an de Aprilo okazis tie Funebra kunveno okaze de la morto de nia Majstro. Dum 14 tagoj la geesperantistoj portis signon de funebro por la morto de D-ro Zamenhof.

**Portugallando:**

Malgraŭ la mobilizo de nia samideano Saldanha Carreira, la propagando daŭras. Li menm komencis kurson en la militlernejo kie li estas, kaj ĉe Blindula Instituto.

**Svedlando:**

*Hoganas.*—Grupo de Junsocialdemokratoj decidis lerni Esperanton. Post 10 lecionoj ili jam bone legas kaj parolas iom.

*Landskrona.*—Funkcias Esperanto kurso kun 12 partoprenantoj.—La Societo kunvenis por funebri la morton de D-ro Zamenhof. S-ro P. Nylen faris paroladon tiuokaze. La societo organizis feston por la 30 jara jubileo de Esperanto.—La Stockholma laborista Esperanto societo kunvenis ankaŭ por funebri la morton de D-ro Zamenhof. La grupo decidis sendi gratulan leteron al la ruslandaj gesamideanoj pro la revolucio, kiu donis al ili pli multe da libereco por kluba agado. Okaze de la morto de D-ro Zamenhof, la svedaj gazetoj donis artikolojn kun portreto de la mortinto.

**Svislando:**

*Lausanne.*—La grupo regule kunvenas, ĉe S-ro Andreassian, kaj kurso estas komencita antaŭ ne longe.

*Locarno.*—La unua kurso daŭras. Ekzistas en tiu urbo Esperanta Hotelo. Kurso estas farata al Valais'aj, francaj soldatoj.

AMERIKO

**Nord-Ameriko:**

La ĝenerala raporto de la delegitoj regionaj montras tre bonan situacion. Grupo fondiĝis en *Hoboken* (N. J.) ĉe la Bontemplanoj. La Bostona grupo organizas monatan festenon, kiu povas ĉeesti ne-esperantaj personoj, kiuj tiel interesiĝas.

*New-York.*—La societo kalkulas jam 190 anojn, kaj bone progresas.

**Meksiklando:**

*Meksiko.*—La propagando tie daŭras malgraŭ la stato de la lando, kiu estas nebona. Unu kurso sukcesis kunigi kelkajn fraŭlinojn. Kelkaj malnovaj esperantistoj kuuvenas du dimanĉoj en la monato por babiladi kaj deklami en Esperanto. Okazis du propagandaj festetoj por la publiko: la 15-an de Decembro okaze de la naskiĝtago de D-ro Zamenhof, kaj la 2-an de Junio datreveno de la eldono de la unua lernolibro Esperanta. Ambaŭ sufiĉe bone sukcesis. La plej senlaca propagandisto estas nia samideano Jacinto Beltrán.

AFRIKO

*Alger.*—La kursoj bone progresas, sub la gvidado de S-ino Mantoz. Kelkaj novaj instruistinoj aliĝis al la kurso kaj lernas diligente. Juna samideano Julio Laguna instruas Esperanton ankaŭ al kelkaj el siaj kamaradoj.

*Constantine.*—Kelkaj samideanoj tieaj iniciatis propagandon pri kiu ni reparolos.

*Philippeville.*—Esperanto tie bone progresas, dank' al la laboro de kelkaj samideanoj

inter kiuj S-ro Dufau. Profesoro el la loka liceo eklernas Esperanton kaj intencas verki vortaron france-arabe kaj Esperanto por istrui la lingvon al Araboj. Okazis paroladoj pri Esperanto kaj multaj novaj adeptoj aniĝis. Kelkaj junulinoj el la lernejoj lernos Esperanton dum libertempo, sub la gvidado de F-ino Lapica, instruistino. Por la laste okazinta parolado ĉeestis 12 instruistinoj kaj proksimume 50 junulinoj. La gazeto *L'Union Républicaine* daŭrigas sian helpon.

**Sud-Afriko:**

*Johannesburgh (Transvalo).*—Fondiĝis tie Esperanta Societo post parolado de S-ro R. A. T. Innes, astronomo ĉe la tiea Observejo. La kurson gidas S-ro Hermant. 15 personoj ĝin sekvas.

GAZETOJ RICEVITAJ

«Le Monde Esperantiste». (Septembro kaj Oktobro).

«La Holanda Pioniro». (Oktobro).

«La Esperantisto». (Oktobro).

«Argentina Esperantisto». (Julio-Septembro).

«Esperanto Monthly». (Oktobro).

«The British Esperantist». (Oktobro kaj Novembro).

# Petskribo al Rusa Popolo

Gravegaĵo ĵus okazis, kiu povas solvi la problemon pri helplingvo; ĝi estas la Rusa Revolucio. Niaj Rusaj Kamaradoj estas rekonstruantaj la socion sur nova fundamento kaj proklamas la fratecon de la popoloj. Ili decidu doni al la Mondo la duan lingvon, kiun ĝi nepre bezonas, kaj la demando pri internacia lingvo estos solvata. Esperanto, oficiale akceptita de Ruslando kaj instruata en ĝiaj lernejoj estos akceptata de ĉiuj nacioj.

Por proponi tiun ideon al niaj Rusaj kamaradoj, la Esperantista Grupo Laborista en Lyon'o aranĝas petskribon en Franclando. Ĉiuj partianoj de lingvo internacia devos subskribi niajn petfoliojn. Petu kaj resendu ilin al la sekvanta adreso: Groupe Esperantiste ouvrier, 86, Cours Lafayette, Lyon.

Pro la malfacileco de la komunikoj inter la diversaj regnoj, ni adresas tiun alvokon precipe al la personoj loĝantaj en Francujo: sed estas urĝe ke iu kamarado, grupo aŭ asocio *en ĉiu lando*, imitu nin kaj iniciatu saman petskribon. La nuna momento estas la plej favora por nia afero.

Ni petegas niajn samidealajn gazetojn represi tiun alvokon (esperante kaj nacilingve).

Jen la teksto de la petskribo:

«Al Rusa Popolo, al ĝiaj Delegitoj.
»Helpa universala lingvo estus la plej »efika ilo de pacigado inter la homoj, naci- »oj kaj rasoj. Kamaradoj Rusaj, vi kiuj kun- »tiras antaŭen la popolojn sur la vojo de »l'progreso, donu al ili tiun duan lingvon, »kiun ili nepre bezonas. Decidu la oficial- »an instruadon de Lingvo Internacia Es- »peranto en viaj publikaj lernejoj: *ĉiuj Naci- »oj sekvos vin*».

El *France Esperanto.*

HISPANA ESPERANTISTO je la nomo de ĉiuj hispanaj geesperantistoj petegas la samon al la Rusa Popolo, kaj incitas ĉiajn sociétojn sendi la Petskribon.




Jen la nombro dividebla je sep.

Tip. Pasaje del Comercio, 8.—Madrid

# ZAMENHOFA FEDERACIO

Ĉi tiu Federacio konsistas el Grupoj, Societoj kaj Esperantistoj el precizaj hispanaj regionoj, tamen povas aparteni al ĝi kiu ajn alia regionaño eĉ fremdulo.

Ĝi celas unuigi Esperantistojn kaj progresigi Esperanton, kaj por tio starigis tri klasoj: *Zamenhofano*, *Protektanta Zamenhofano* kaj *Protektanto*, kiuj pagas respektive *unu*, *tri* kaj *kvar* pesetojn jare. La du lastaj klasoj ricevos ĝian oficialan organon,

# Hispana Esperantisto

ILUSTRITA REVUO MONATA

Oni starigis la trian klason por la Grupoj, Societoj kaj Esperantistoj, kiuj, pro specialaj cirkonstancoj ne povas esti Zamenhofanoj.

Sendu la kotizaĵojn per poŝtmandato aŭ per respondkuponoj (4-12 kaj 16 respondkuponojn respektive).

Laŭ eble, Zamenhofanoj protektantaj kaj Protektantoj ricevos senpage esperantaĵojn.

ADRESO: *Pasaje del Comercio, 8, Presejo. Madrid. (Hispanujo).*

ZAMENHOFA FEDERACIO povas liveri: arĝentajn verdstelojn, tre bone emajlitaj; PRI CERVANTES KAJ LIA FAMKONATA VERKO EL QUIJOTE; TRI RAKONTOJ KAJ KELKAJ VERSAĴOJ de D-ro Rafael de San Millán; TODO EL ESPERANTO, hispana ŝlosilo esperanta; PRAKTIKA TEMŜLOSILO POR ĈIUJ LANDOJ kaj HISPANA GRAMATIKO de *Julio Mangada Rosenörn;* propagandajn cirkulerojn kaj poŝtkartojn.

Oni akceptas ĉekojn kaj transpagilojn de Ĉekbanko Esperantista